## BONDEZIROJ

Okaze de la venontaj Festoj, la estraro de ITALA FERVOJISTA ESPERANTO-ASOCIO (I.F.E.A) kaj la redakcio de "ITALA FERVOJISTO", varme bondeziras feliĉajn Kristnaskon kaj prosperan Novjaron al ĉiuj Membroj kaj Simpatiantoj de nia Asocio; korajn bondezirojn ankaŭ al la Estraro de la INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO (I.F.E.F.) kaj al la tuta Anaro kaj Legantaro el ĉiuj Landoj.

---

## COMUNICATO DEL CASSIERE

Anche per il 1981 le quote sociali sono così confermate:
- associazione all'IFEA, IFEF, FEI ed UEA con abbonamento alla rivista "L'ESPERANTO-FEI": lire 8.000 annue (6.500 per i giovani fino a 21 anni e per i familiari)
- associazione solo all'IFEA ed IFEF (per quei Soci che pagano le quote alla FEI ed UEA direttamente o tramite i Gruppi E.sti locali: lire 3.000 annue.

Si pregano vivamente i Soci che ancora non hanno pagato le quote per il 1979 e il 1980 e continuano a ricevere i Bollettini, di trasmettere al più presto dette quote, da noi già versate alle Associazioni a cui siamo aderenti, oppure di inviare avviso di disdetta, per poterci regolare e non pagare per l'anno 1981.

FERROVIERI ADERITE ALL'IFEA! VERSATE SUBITO LE QUOTE 1981! SOSTENETE L'ESPERANTO E LE SUE ASSOCIAZIONI!

Per agevolare i versamenti si allega un bollettino di C/C Postale intestato: IFEA, Via Donato Creti, 61 I-40128 BOLOGNA, N° 19336403.

---

## 32-a ESPERANTO-KONGRESO DE IFEF

organizita de:

FISAIC (Internacia Federacio de Societoj de Fervojistoj Intelektaj kaj Kulturaj)
B.S.S.O. (Nederlanda Sekcio de la Supredirita Federacio)
F.E.R.N. (Fervojista Esperantista Rondo Nederlanda)

La 32-a I.F.E.F. - Kongreso okazis de la 16-a ĝis la 22-a de Majo 1980-a en "AMERICA, kiu estas vilaĝo kie situas la rekreaciparko "HET MEERDAL", en la komunumo de Horst, en la mirinda Nederlanda Regiono de Limburgo.

Partoprenis en la Kongreso 290 gekolegoj el 17 diversaj landoj.

La sukcesa Kongreso estis tre interesa kaj fruktodona, ĉiuflanke: Flanke de la laboroj kiuj estis tre, tre bone vizitataj, ĉu flanke de la akceptoj (mirinda tiu de la Urbestro de Horst) kaj ĉu flanke de la amuzaĵoj kaj ekskursoj (tri ekskursoj per aŭtobusoj kaj ŝipe sur la rivero Rejno).

Dum la solena malfermo ĉeestis la Nederlanda Ministro por Trafiko Advocato D.BTUIJNMAN, kiu legis sian paroladon Esperantlingve (la teksto estis disdonata de la radio-televido kaj de la ĵurnaloj). Ankaŭ ĉiuj aŭtoritatuloj fervojaj, civilaj kaj sindikataj, salutis la kongreson Esperantlingve, inter kiuj la Urbestro de Horn, persone.

Tre interesaj kaj tre amuzaj la kursoj de Marjorie Boulton kaj ŝia prelego. Same interesaj la Esperanto kantoj de Ramona van Dalsen.

Dum la unua plenkunsido, S-ino Elfriede Kruse kaj S-ro Wim L. van Leeuwen (kiu ricevis de BSSO la arĝentan pinglon pro sia longjara laboro por la fervojista Esperanto-Movado), eksiĝis kiel; respektive, Sekretaiino kaj Vic-Prezidanto. Pro siaj meritoj por I.F.E.F. ili estas numumitaj honoraj membroj. (mi mem persone bonvenigis ilin en la malgranda nombro de la "Honoraj Membroj de IFEF").
La nova sekretario estas: S-ro Henning OLSEN el Danlando kaj la nova Vic-Prezidanto S-ro Per ENGEN el Norvegio. Ambaŭ estis elektitaj unuanime. Mi profitas por renovigi al novaj kaj malnovaj estraranoj miajn plej korajn gratulojn.

Germano GIMELLI

---

51-a ITALA KONGRESO DE ESPERANTO
Manfredonia Siponto 6 - 13 de septembro 1980-a.

La renkontiĝo de la fervojistoj (I.F.E.A.) okazis lunde la 8-an de septembro en la hotelo"Apulia", kune kun la katolikoj.
La sekretario raportis pri la pasintaj 21-a I.F.E.S. (Internacia Fervojisto Esperanto-Skisemajno) en Plan Val Gardena, kaj pri la 32-a IFEF-Kongreso en Nederlando en la vilaĝo "America", kie la Ministro pri Trasportoj ĉeestis kaj alparolis Esperante.
Pro la manko de multaj membroj oni decidis rekonfirmi la antaŭan estraron por la venontaj du jaroj 1981-a kaj 1982-a.
Pro la eksiĝo de D-ro Marchiori el Verona kiel reprezentanto de IFEA (kiel faka Asocio IEF)ĉe la konsilio de la Itala Esperanto Federacio, oni elektis D-ron Alberto Menabene el Romo.

---

La venonta 33-a IFEF kongreso okazos en Regensburg (F.R.Germanio) de la 15-a ĝis 21-a de majo 1981-a. Nia kolego Karl Pscheidt, el Regensburg invitis al la kongreso kaj substrekis la historion kaj la allogaĵojn de la urbo.
La 22-a I.F.E.S. okazos de la 7-a ĝis la 14-a de februaro en hotelo "Bellevue"- Bohinj (Lago de Bohinj) Slovenio - Jugoslavio.

La 52-a Kongreso de Itala Esperanto Federacio, temo: "ESPERANTO-EUROPO", en kies kadro okazos la Jara renkontiĝo de IFEA, estas antaŭvidita en Romo (19-24 septembro 1981-a). D-roj MENABENE kaj BROCCATELLI, klarigis la kialon de tiu grava kongreso.

La sekretario substrekis la centojn da leteroj ricevitaj de naciaj kaj eksterlandaj ĝesamideanoj de la tuta mondo, okaze de la teruraeksplodo de la 2-a de aŭgusto en la Bologna fervoja stacio.

---

Estraro de I.F.E.A. por la du Jaroj 1981-a kaj 1982-a

Honora Membro: D-ro Inĝ Prof. BERNARDINO LATTANZI di Monterubiaglio
Prezidanto: D-ro Manlio GALLI-Roma
Sekretario: Kav.p.i.Germano GIMELLI - Bologna
Konsilantaro (Comitato Esercizio):
- S-ro Franco GRAZIANI kasisto (BO)
- " Giulio CATENA Bologna
- Geom.Kav.Alfredo BASSETTI- Trento
- S-ro Gino CORSO Verona
- D-ro Alberto MENABENE Roma
- S-ro Spartaco TARLINDANO Venezia
- Rag. Paolo BATTAGLIA Reggio C.

Kontrolistoj:
- S-ro Celso CORRADI - Genova
- S-ro Renzo MANTOVAN - Venezia
- S-ino Mirella MERLANI- Roma

Anstataŭantoj:
- Rag. Aldo FORMAGGIO - Chiavari
- S-ro Antonino ALBANESE Reggio C.

Juĝantara Komitato:
- D-ro Inĝ Giordano AZZI COMO
- P. I. Pasquale CECI Bologna
- D-ro Inĝ.Prof. Bernardino LATTANZI ROMA
Membro en la Komitato de I.F.E.F.
- P. I. Germano GIMELLI Bologna
Anstataŭanto D-ro Romano BOLOGNESI Bologna
Membro en la Konsilantaro de IEF
- D-ro Alberto MENABENE Roma

---

LITERATURA KONKURSO DE FERVOJISTOJ

Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF) havas ĉi jare interesan ideon: sub la nomo "La Verda Relo" oni proklamis
Literaturan Konkurson por originalaj kaj tradukitaj verkoj pri la fervojo.
La konkurson rajtas partopreni ĉiu esperantisto krom la membroj de juĝkomisiono kaj de la Loka Kongresa Komitato.
La proklamado de premiitoj okazos solene dum la sekvontjara kongreso de IFEF (15a ĝis 21a de majo 1981 en Regensburg).
Por la partopreno en la konkurso validas jenaj kondiĉoj:
La tradukitaj verkoj neniam aperis ie en presita formo.
La poeziaĵoj ne enhavu pli ol kvinndek versojn.
La prozaĵoj ne ampleksu pli ol 4 paĝojn (f/to A 4, interlinio 2).
Ciujn kontribuaĵojn necesas sendi en 4 ekzempleroj, ili estu klare tajpitaj.
Ĉiu partoprenanto en la konkurso rajtas prezenti po du verkojn en ĉiu branĉo: originala kaj tradukita poezio resp.
originala kaj tradukita prozo.
Por tradukaĵoj oni devas aldoni kopion de originalo.
La konkursaĵoj devos atingi ĝis plej malfrue 31a de januaro 1981 la sekretariinon de la juĝkomisiono:
Elfriede Kruse, Wiener-Str. 121, D 6000 Frankfurt/Main 70,FR Germanio.
La jam starigita juĝkomisiono (W. Brandeburg/Germanio, G.Gimelli jr/Italio kaj G.Sredić/Jugoslavio) prijuĝos ĉiujn kontribuaĵojn kaj la plej bonaj estos publike prezentataj dum la sekvontjara IFEF-kongreso en Regensburg.
La konkurso celas disvastigi la fervojan mondon en la Esperanta kulturo.
La konata Esperanta eldonejo "La Literatura Foiro" deklaris principan pretecon aperigi en libra formo la plej bonajn verkaĵojn en aparta fervojo antologio. Do, beletristoj, profitu vian bonŝancon: helpu al IFEF disvolvi ankaŭ kulturan aktivecon per multnombra alsendo de viaj originalaj kaj tradukitaj verkoj pri la fervojo.

---

KULTURA VIZITO AL BUDAPESTO

Laŭ la invito de Hungara Fervojista Sindicato (HFS) fine de junio 1980, kultura delegacio de D.L.F. Bologna (23 membroj inter kiuj 10 Esperantistoj gvidataj de D-ro Romano Bolognesi), vizitis Budapeston.
La Esperantista Delegacio krom la belegajn vidindaĵojn de la ĉefurbo, vizitis la oficejon de Hungara Esperanto Asocio kaj ties librovendejon, kaj en la Fervojista Sporta Stadiono vizitis la klubejon de Fervojista Esperanta Klubo "Julio Baghj), kie la ĉefurbaj fervojistaj esperantistoj organizis eksterordinaran vesperon.
Riĉigis la programon, ĉarma sceneto presentita de niaj junolinoj pri la internacia lingvo-problemo.
Tiun ĉi kunvenon partoprenis la kompleta fervojista delegacio gvidata de S-ro Giulio Turrini kiu tre favore opinias pri la utileco de Esperanto en amikaj kaj fakaj kontaktoj.

Okazis vizitado al uzinoj veturilriparejoj "Landler"kaj " Eszaki". Dum la adiŭa vespero en la Fervojista Kulturcentro "Ferencvaros", kadre de la vespermanĝo, D-ro Akos Balàzs, estro de la Fako pri kulturaj, sportaj kaj libertempaj aferoj ĉe la Hungara Fervojista Sindikato, en sia parolo emfazis ke multcentjaraj kontaktoj kunligas la popolojn de Italio kaj Hungario.
S-ro Turrini alte taksis la sukcesan kontakton inter la italaj kaj hungaraj fervojistoj-esperantistoj.
S-ro Graziani parolis pri la fakaj spertoj, akiritaj pere de Esperanto dum tiu vizito.

---

ESPERANTISTO EL LA REGIONOJ FRAPITAJ DE LA TERTREMO.

Nia membro troviĝas jam ed la Suda parto de Italio (precize en la Potenca-Provinco) frapita de la terura tertremo de dimanĉo la 23-an de novembro 1980-a.
La samideano (kiu ne deziras esti nomata) gvidas sendependan grupon da volontuloj kun ŝarĝaŭtoj per tuja agado favore de la frapitoj de la katastrofa tertremo.
La grupo konsistas el pluraj ekipaĵoj, inter kiuj maŝinoj por produkti elektran forton, medikamentojn, nutraĵojn, vestojn kaj lantukojn; ĝin organizis la urbo Forlì kaj agas en la komunumo de SAN FELE.

---

22-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-SKISEMAJNO

" I. F. E. S. - 81 "

7-a - 14-a de februaro 1981 en hotelo "BELLEVUE" - Bohinj (Lago de Bohinj) Slovenio - Jugoslavio

Adreso: Fervojista Esperanto Societo - Vrazova 60 - Yu-62000 Maribor - Jugoslavio

Bankkonto: 30-2-0176 - Jugobanka Ljubljana - Fervojista Esperanto Societo Maribor.

Hotelo kun sia dependejo disponigas ĉambrojn 2 kaj 3 litajn, ĉiujn kun duŝo. Prezo por la tuta restado (kompleta pensiono) kun deviga asekuro estas: DM 220, ASch 1600, USA $ 125, Din 2500, aŭ egalvaloro.

---




Kongresadreso

33a IFEF-Kongreso
Wiener Str. 121
D.6000 Frankfurt/Main 70

Kongresejo

Kolpinghaus St.Erhard
Adolph-Kolpingstr. 1
D.8400 Regensburg

Kongreskotizoj

Ĝis la 31a de Januaro 1981 (alveno de la mono) validas la sekvaj kongreskotizoj en germanaj markoj (DM):
- IFEF-membroj (fervojistoj, pensiuloj) DM 62,00
- familianoj kaj junuloj (malpli ol 20 jaraj) DM 31,00
- aliaj kongresanoj DM 75,00
- simpatiuloj (ili ricevos kongresmaterialon) DM 20,00

---

N E K R O L O G O

Giuseppina GAMBERINI BILLI - nia kara samideanino forlasis nin, la 26-an de novembro en Bologna.
Ŝi esperantiĝis dum la malproksima jaro 1952-a kaj instruis Esperanton dum pli ol 25 jaroj en Bologna kaj en la ĉirkaŭaĵoj.
Ankaŭ internacie ŝi, kune kun la edzo, estas tre konata. Ili partoprenis en pluraj internaciaj kongresoj de U.E.A. kaj de la fervojistoj kaj estas la plej konataj partoprenantoj de la naciaj kongresoj de Esperanto.

---

# I. F. E. A.



**ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI**

Aderente alla INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO (**I. F. E. F.**):
alla UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO (**U. E. A.**) - ROTTERDAM (Membro consultivo dell'UNESCO 1954)
e alla FEDERAZIONE ESPERANTISTA ITALIANA (**F. E. I.**) - (Ente Morale 1956)

Sede Centrale: Dopolavoro Ferroviario Bologna ((Italujo)




# Informa Bulteno

ITALA FERVOJISTA ESPERANTO - ASOCIO

## ITALA FERVOJISTO

**REDAKTEJO: 40128 Bologna - Via Donato Creti N. 61 - Tel. 359.071**

STAMPE